# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 10/05/2014 Cent sesdekkvara eldono 10/05/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else


SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Efikoj kaj kromefikoj de la RetRadio



Ke la RetRadio havu efikojn pri la geaŭskultantoj, nome ke ili per la aŭskultado (kaj eventuale samtempa legado) de la sonartikoloj akiru pli bonan regadon de la lingvo, tio ja certe estas tute klara. Sed ŝajnas al mi ke la RetRadio havas ankaŭ kromefikojn kiuj dekomence ne estis intencitaj, kiuj tamen almenaŭ laŭ mi estas tre bonaj.

La fakto ke de pli ol tri jaroj tiuj Esperanto-programoj estas aŭdeblaj en la interreto, do en la tuta mondo, ja estas ege pozitiva, ĉar tio montras ke Esperanto vivas kiel ĉiutaga lingvo. Tio forigas dubojn pri la senco kaj estonto de la lingvo, ĉar estas evidente ke la lingvo estas disponebla por servi ĉiutage al homoj en la tuta mondo. Ktp ĝis-------

Tio kondukas min al plua kromefiko de la agado pri la RetRadio. Nome ĝi estas entrepreno tute privata kaj funkcias tute sen mono. Tio estas io alia ol la tradicia agado de la E-organizoj. Ili certe faras sian laboron, sed nun ili povas vidi kiel kelkaj esperantistoj el pluraj kontinentoj profesiece kunlaboras sen organiza kadro kaj tiel funkciigas entreprenon kiu havas sufiĉe grandan signifon por la vivo kaj kreskado de nia lingvo. Ktp ktp ĝis la fino

Klaku, aŭskultu, legu, lernu, spertiĝu.

http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# 24. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. F



Ni vidis, ke ekzistas tri Voĉoj, ja tri aspektoj dependaj de la direkto en kiu ni observas la tutan agon aŭ parton. Kaj ankaŭ, ke Netransitivaj Verboj kiaj esti, resti, dormi, kaj sidi povas en Esperanto rigardati teorie nur en la Aktiva Voĉo; do ili teorie neniam ricevas la finaĵon "-at-" nek la finaĵon "-iĝ-".

Tamen , sekvante kelkajn lingvojn eŭropajn, Zamenhof uzis la Sufikson "-iĝi" (ne la Sufikson "-ati") en preskaŭ la sama signifo kun Netransitivaj Verboj, kun Substantivoj, kaj kun Adjektivoj. Por doni lingvisme kontentigan klarigon por tiu ĉi tre utila strangaĵo ni povas diri, ke en ĉiuj tiuj kazoj ni forlasas la transitivan Sufikson "-igi" el antaŭ la Sufikso "-iĝi". Do el la formo "beligiĝas" venas la uzata formo "beliĝas". Oni ja rajtas formi la regulon ke, ĉar "-iĝi" povas uzati nur kun Transitiva Verbo, oni ne bezonas la Sufikson "-ig-" ĉar oni aŭtomate subkomprenas tion, laŭ la Zamenhof'a Regulo pri Neceso kaj Sufiĉo. Do "sidiĝas" signifas "sidigiĝas" , kio signifas ke oni ricevas agon "sidigi" sen scii aŭ diri, kiu aŭ kio kaŭzas la medialan agon. Povas eĉ esti la nova Subjekto, "la viro", kiu sidigas sin mem. Povus ankaŭ esti pro perdo de ekvilibro. Pro tiu nemencio de la kaŭzo la viro falis en sidantan pozicion, eble neintence, dum se la viro metis sin konscie en sidantan pozicion, li "eksidis". Esperanto bele kapablas indiki la nuancojn!

Kun Substantivo ni faras la samon: profesoriĝi estas mallongigo por "profesorigiĝi". Same "La ligno ŝtoniĝis". La anglaj ekvivalentaj helpverboj por fari la Medialon estas to get kaj to become kaj to get made.

Marcel Leereveld.







# Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.

La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj

La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.

Ĉu vi havas pli bonan metodon?

Mi sendis la lastajn 150 ekzemplerojn de la nekoloraj ŝlosiloj, kiuj ankoraŭ estis en E-domo, al Sandor por la lingvaj festivaloj en Adelajdo

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;

Unu taso da senpaga kafo. La 3an de Majo venis 9, Roger kaj Mei Springer, Deshun el Pekino, Dmitry Lushnikov, Richard Delamore, Eunice Graham, John Casey, Ian Wylles, Chris Holliss.

Jen foto el Facebook. Dmitry kun la ĉina esperantisto en Manlio pasintan sabaton Amike, Nicole



Deshun kaj Dmitry

Saluton el Pekino. Kara Roger,

Mi tre ĝojas renkonti kun vi en Edomo kaj partopreni en la Manly Esperanto-klubo. Mi multe ĝuis en Sidnejo. Amike Deshun.



Strangas, legi por "'ĝisnunigita" informo la vorton "'ĝisdatigata": do 'ĝis kiu dato? Krome la participo ree misuzatis: la informo ja estas nun reuzata, sed ne ĝisnunigata, ĉar dum mia legado ĝi estas ĝisnunigita, laŭ Zamenhof kaj laŭ mi. Mi petas pardonon pri la rimarkigo. Marcel. Mi anstataŭis ĝin Dankon Roger

## Poligloto Benny Lewis rekomendas lerni Esperanton antaŭ ol lerni aliajn lingvojn. Sendis Nicole



https://www.youtube.com/watch?v=M-kJTnGEd_E

## 2014 Eŭropa Voĉdona Reklamo

Jen reklamo de la Verda partio kiu mencias Esperanton!

https://www.youtube.com/watch?v=iitH2FsWarE



# La pluvo - María Villalón - Esperanto




La fama hispana pop-kantistino María Villalón koncertis

por la partoprenantoj de la 73ª Hispana Kongreso de Esperanto.

Ŝi prezentis du kantojn en Esperanto.

Jen "La pluvo" (La lluvia)

http://youtu.be/fOBkKcbJUAE

Sendita al mi 3 foje  Bob Felby, ankaŭ Nicole, ankaŭ John el Okcident-aŭstralio

# "Tamen Plu"

Mi devas ege pardonpetegi, ĉar la "Tamen Plu" por majo estos eĉ pli malfrua ol kutime. Dum la pasintaj kelkaj semajnoj, mia edzo feriis, kaj ni eliris pli ol kutime. Krom tio, lastatempe ni kelkfoje spertis komputilajn problemojn.
Mi esperas, ke mi povos sendi ĝin al vi post kelkaj tagoj.
Tre amike,  Katarina (Cathy)

# Cyrille Hurstel  (Unu miliono)



## Malgrandaj eltiroj el la konsiloj de Cyrille Hurstel

Se vi deziras fari videojn en Esperanto por interreto, memoru ke homoj bezonas **malpli ol 7 sekundojn** por konscie decidi ĉu via enhavo estas teda aŭ ne.

Ni ne tro fanfaronu pri Esperanto mem sed ni konsciiĝu pri tio KION oni povas fari per ĝi.

Esperanto **ne havas evidentan valoron por « normalaj homoj »**. Pro tio estas malfacile klarigi ke Esperanto ne estas nur ideo sed ankaŭ lerninda hodiaŭ.